# Informilo de Ĝemelaj Urboj



Reta bulteno de UEA pri la projekto Ĝemelaj Urboj
8-a jaro N-ro 4 (31) decembro 2009



## NOVAĴO

### ĈRI gravigas la agadon Ĝemelaj Urboj

**Konsiderante gravecon kaj rolon de Ĝemelaj Urboj ĉi-jare Ĉina Radio Internacia (ĈRI) speciale starigis rubrikon en sia E-paĝo, t.e. http://esperanto.cri.cn, kaj prezentis la formŝanĝan bultenon Informilon de Ĝemelaj Urboj en n-ro 26 Mikrofone, papera esperantlingva revuo.**

**Konigi Ĉinion al la mondo kaj la mondon al Ĉinio, raporti la mondon al la mondo, akceli komprenon kaj amikecon inter la ĉinaj popoloj kaj la mondaj popoloj estas celoj de ĈRI kun elsendo de 53 lingvoj. Laŭ statistiko de la usona retejo Alexa je maksimuma konateco "Internacia Surreto" de ĈRI, kiu konsistas el 43 skribaj lingvoj kaj 48 fonetikaj lingvoj, jam okupas la unuan lokon en retejoj de internaciaj radioj en la mondo. Ĝis 2009 ĈRI elsendas en Esperanto 45 jarojn. Vizitu la retejon http://www.cri.cn por ekscii plimulton.**







### Aranĝo de AK al la projekto

**Konsiderante evoluon kaj influon de la projekto Ĝemelaj Urboj, la oficiale tema kunsido estas listigota en la programoj de la 6-a Azia Kongreso de Esperanto (AK) okazonta inter la 19-a kaj 23-a junio 2010. Tiu kunsido ankaŭ unuafoje aperos en la kongreso.**

## URBESTRO KAJ ESPERANTO

### Gratula saluto de la urbestro de Takatsuki

**Nur ricevinte la 33-paĝan paperan Raporton de la 57-a Kongreso de Esperantistoj en Kansajo, kiu okazis inter la 6-a kaj 7-a de junio 2009, mi povis scii, ke s-ro OKUMOTO Tsutomu, estro de la kongresurbo, ne nur persone ĉeestis la kongreson, sed ankaŭ faris gratulan paroladon. Pligravas, ke el Takatsuki mem li priparolis rolon de Esperanto en ĝemelaj urboj. Danke al helpo de s-ro UKITA Masaharu kaj traduko de s-ro NAKATU Masanori lia parolado finfine aperas ĉi tie. --- la redaktoro**

**"Saluton!"**

**Bonan tagon, karaj kongresanoj, Bonvenon al Takatsuki.**

**Kiel prezentita de la prezidanto mi estas la urbestro de Takatsuki kaj nomiĝas OKUMOTO Tsutomu.**

**Mi elkore gratulas, ke ĉifoje "La 57-a Kongreso de Esperantistoj en Kansajo" okazis en**

Urbo Takatsuki kun granda prospero.

Mi aŭdis, ke ĉi tiu kongreso havis lokon en Takatsuki post 12 jaroj de la antaŭa kongreso ĉi-tie okazigita kaj la partoprenantoj kolektiĝas en nia urbo el diversaj lokoj en Kansajo kaj prezentas fruktojn de Esperanto-Movado. Tio estas tre utila, mi pensas.




Kiel internacia lingvo kaj komuna lingvo, per kiu popoloj povas egale kaj pace interparoli kaj interflui, Esperanto havas historion amasigitan en longa tempofluo kaj disvastiĝas en la mondo, kaj Esperanta Kongreso okazas diversloke.

Ankaŭ la Kongreso de Esperantistoj en Kansajo okazadas longtempe daŭre kaj kalkuliĝas al 57 fojoj. Mi imagas, ke senĉese vi movadas fervore, kaj mi esprimas estimon al via senlaca aktivado.

La prezidanto UKITA Masaharu kaj la membroj de Esperanto-Societo en Takatsuki, kiu havas ĉefan rolon por aranĝi ĉi tiun kongreson, fervore aktivas en nia urbo ankaŭ por disvolvado de urbaj aferoj kultura kaj ĝemelurba.

La societo kunlaboras kun la urbo por interfluo inter ĝemelaj urboj de Takatsuki, Manila de Filipinoj kaj Changzhou de Ĉinio. Interalie en la interfluo kun Changzhou, Esperanto-Societo en Takatsuki havis gravan rolon por kontrakti ĝemeliĝon de Yosumi-Elementa Lernejo de Takatsuki kaj Dongfang-Elementa Lernejo de Changzhou. Mi tre ĝojas, ke la interfluo inter la lernejoj daŭras jam pli ol dudek jarojn danke al la kunlaboro de esperantistoj en ambaŭ urboj.

Mi informiĝis, ke ĉifoje esperantistoj de Changzhou-a Esperanto-Asocio ne povis partopreni la kongreson pro la influo kaŭzita de novtipa gripo, kaj tre bedaŭras tion. Nun mi deziras, ke vi fervore laboru kaj faru kongreson sukcesa.

Ĉe la fino de mia saluto mi deziras, ke la 57-a Kongreso de Esperantistoj en Kansajo havu grandan sukceson kaj estu fruktdona, kaj plue mi deziras, ke vi ciuj estu sanaj kaj feliĉaj.

Koran dankon!

## Urbestrino en agado de Zamenhofparko

Je la 17-a horo la 23-an de julio 2009, melodian Klezmer-muzikon reeĥis sennoma kaj bela placo apud la Esperanto-kulturdomo en la distrikto Lichtenberg de Berlino, Germanio. Tio simbolis ke la placo havis sian oficialan nomon: Zamenhof-parko.




Nomumo de Zamenhof-parko rezultis el la iniciato kaj penado de s-ro Peter KÜHNEL, prezidanto de la Berlina Esperanto-Ligo, kaj s-ro Johano PACHTER. Estas ili kiuj konvinkis la distriktan parlamenton. Plie indas mencii pozitivan agadon de s-ino Christina EMMRICH, urbestrino de la berlina distrikto Lichtenberg. Kiam la decidon faris la distrikta parlamento dum la kunsido en la 18-a de

decembro 2008, surbaze de la propono de la "Kulturkomisiono de la distrikta parlamento", kies membroj unuvoĉe jesis dum ilia kunsido en la 28-a de novembro 2008, ŝi ĉeestis la distriktparlamentan kunsidon sen voĉdono sed kun la ordono de la parlamento akcepti la decidon. En la inaŭgura ceremonio ŝi persone malvualigis la tabulon.

Gravecon kaj signifon de Zamenhof-parko devas esprimi la vortoj de Prof. HOFMANN, prezidanto de la Kulturkomisiono, ke la Esperanto-Movado estu pli videbla en la kultura vivo de la kvartalo. Ankaŭ Dr. Rudolf Fischer, prezidanto de la Germana Esperanto-asocio esprimis sian kontenton, ke la "Zamenhofpark" troviĝas apud la nova sidejo de la tutgermana organizo.

La reprezentanto de la pola ambasadoro en Germanio kaj aliaj partoprenintoj propraokule vidis la panoramon. — laŭ raportoj de Roland SCHNELL, Johano Pachter kaj Peter Kühnel

## Vic-urbestro de Bjalistoko vizitis Zamenhof-parkon




La 28-an de aŭgusto 2009 s-ro Aleksander SOSNA, vicurbestro de Bjalistoko, vizitis Zamenhof-parkon en la distrikto Lichtenberg de Berlino. Tiutage li estis varme akceptita de s-ino Christina Emmrich, urbestrino de la distrikto. Tio ĉi estis la unua renkontiĝo de la du urbestroj. La plej rimarkinda rezulto el la kunsido de ambaŭ flankoj estis, ke la 18-an de decembro 2009 en Zamenhof-parko, kies nomo estis decidita de la distrikta parlamento precize en la sama tago antaŭ unu jaro, okazos la "Centra jubilea germana-pola Zamenhoffesto", kiun ĉeestos s-ro SOSNA kaj s-ino EMMRICH, kaj ke la distrikto reagis al pripenso de Bjalistoko pri ĝemeliĝo inter la urbo kaj la distrikto kaj la urbestrino pensas pozitive pri tio.

Tiam venos grupo reprezentanta la urbon kaj okazos priaj kunsidoj koncerne ĝemeliĝon. S-ro Przemek WIERZBOWSKI de la Bjalistoka Televizio filmos la aranĝon. ---laŭ raportoj de Roland Schnell, Johano Pachter kaj Peter Kühnel

## La urbestro de Ĝenevo kaj Zamenhof-memortabulo





La 28-an de aŭgusto 2009 sur la muro de la ĝeneva domo en strato Vieux-Collège 12 estis reinaŭgurita per memortabulo kun teksto: "En tiu domo loĝis en 1905 L. L. Zamenhof, iniciatoro de la lingvo Esperanto".

La oficanta urbestro, Rémy Pagani, persone ĉeestis la inaŭguron kaj faris mallongan alparoladon. Li memorigis la intergentajn konfliktojn en tiama Bjalistoko, kiu kondukis Zamenhofon al la ideo krei Esperanton, menciis la Universalan Kongreson, kiu ĉi-jare okazis en Bjalistoko.

**Post paroladoj de aliaj gastoj inkluzive de Mireille GROSJRAN, kun-prezidantino de Svisa Esperanto-Societo, kaj Francois GRIN, profesoro de la la ĝeneva universitato, la tabulo estis malkovrita kaj Rémy Pagani invitis la ĉeestantojn al eta aperitivo surtrotuara. -- el raporto de Arlette Di VETTA en "Esperanto" n-ro 10, 2009**

## Salutaj vortoj de D-ro CHEN Wei, urbestro de Zaozhuang



**Okaze de la tria Zaozhuang-a Internacia Festivalo de Esperanto mi sincere salutas geamikojn el Francio, Japanio kaj nia lando, al komitatanoj de ĈEL kaj Shandong-a Esperanto-Asocio.**

**La tria Zaozhuang-a Internacia Festivalo de Esperanto okazas dum tiuj ĝojaj tagoj, la 60-a jubileo de Ĉina Popola respubliko kaj ĉina tradicia aŭtunfesto. Esperantistoj amikiĝas pere de Esperanto en Zaozhuang sub la titolo "Turismi en akva hejmloko norde de la Kanalo kaj kompreni la antikvan urbon". Tio montras allogon de spirito de la neŭtrala lingvo Esperanto por akceli internacian interŝanĝon kaj amikecon. Mi esperas, ke esperantistoj povos pli bone kaj multe diskonigi nian urbon por internacia interŝanĝo kaj progreso de socio kaj ekonomio, samtempe mi deziras ke la festivalo estu pli kaj pli bona kaj pli da amikoj el la mondo konos nian urbon per Esperanto. Lasu viajn belajn memorojn pri Zaozhuang en viajn cerbojn. (2009-09-21) --- esperantigita de Sun Mingxiao**

## La salutvortoj de Louis-Christophe ZALESKI-Zamenhof al Zamenhof-parko

**Dankon por via afabla invito. Tre bedaŭrinde, pro ĝia iom malfrua ricevo, mi ne sukcesos persone partopreni la ceremonion; Mi estos tamen inter vi virtuale kaj demandos ke vi bonvolu prezenti mianome tre sincerajn salutojn al ĉiuj ĉeestontoj.**

**Mi gratulas la Urbdistriktan Parlamenton kaj Sinjorinon Urbestrinon de Berlin-Lichtenberg pro ilia altestiminda iniciativo.**

**Mi estas tute aparte kortuŝita per la fakto, ke la solenaĵo okazas en Berlino, urbo riĉa de ĝia historio, riĉa ankaŭ de eventoj tre kontraŭstaraj. Tie ĉi en Berlino, antaŭ sepdek jaroj estis ordonita tuja enkarcerigo de ĉiuj Zamenhof-familianoj en Varsovio ĵus okupita.**
**Tial des pli grava, des pli simbolriĉa estas hodiaŭa honorigo, ĝuste en via urbo, de la Zamenhofa nomo.**

**Tie ĉi en Berlino, antaŭ kvindek jaroj, estis starigita muro la popolojn dividanta. Tridek jarojn pli malfrue la muro falis. Kaj mi havis la ŝancon, ĝuste tiumomente, troviĝi en Berlino kaj propramane simbole kontribui al la detruigo de tiu muro por ke homoj ambaŭflanke vivantaj povu denove fari rondon familian...**

**Post plurdekjara paŭzo Berlino reestiĝis ĉefurbo de Germanujo reunuigita, de Germanujo - paca piliero de la Europa Unio, unio efektiviĝanta la sonĝon de mia Avo, sonĝon pri la amika kunvivado de la loĝantoj de nia terglobo. Ni ĉiuj memoras la famajn vortojn de John F. KENNEDY tie prononcitajn: "Mi estas Berlinano".**

**Mi kredas esprimi la penson kiun havus mia Avo, aldironte samloke ke ni ĉiuj estas Berlinanoj, tamen ne nur Berlinanoj, sed samtempe membroj de la tuta homaro, ke ni ĉiuj sentas nin homaranoj!**

**Ni esperu ke la nomo de la stratŝildo malkovrota memorigu al la Berlinanoj, kaj ne nur al ili, la noblajn idealojn de la Doktoro Esperanto, kies centkvindekan naskiĝdatrevenon ni**

**festas tiujare.**

## Urba stilo kaj trajto

### Urba historio

**Ulanbatoro estas la ĉefurbo kaj plej granda urbo de Mongolio, kun 1,067,472 loĝantoj (2008) kaj 4,704.4 kvadrataj kilometroj da areo. Ĝi estas moderna urbo kun forta stepo-stilo, ankaŭ estas unu el la plej junaj urboj en la mondo pro la fakto ke la loĝantaro konsistas el 70% de junuloj. Ĝi havas tipan kontinentan klimaton, kun absolutaj temparaturoj: - 40℃ en vintro, +35 ℃ en somero, la averaĝe jara temperaturo -2.9℃.**

**Ĝi estis fondita en 1639. Ĝia komenca nomo estis Urgoo, kaj estis nomita Khüree en 1778, ĝis 1924, kiam fondiĝis la Mongolia Popola Respubliko, havis nunan nomon - Ulanbatoro, kiu signifas ruĝan heroon en la mongola lingvo.**



**Tieaj kulturoj estas riĉaj, inkluzive de trinko kaj manĝo, religio, etiketo ktp. La trinko kaj manĝo ĉefe estas viando, la aldonaj estas teo kun lakto, farunaĵoj, rostita rizo ktp. La nuna kulturo de religo konsistas el la chefa Budhismo kaj aliaj Kristanismo, Mormonismo, Katolikismo, Bahaa kredo, Hinduismo, Oomoto, Islamo ktp. Etiketo inkluzivas el Hada-ofero, kantado, tosto, teo-ofero ktp.**

**La vasta stepo mem estas la plej bona turisma fonto. Tie oni ĝuas la eternan kaj bluan ĉielon. La deserto Gobi, Vintra Palaco, Budhana monaĥejo Gandantekĉinling, muzeoj, Sükhbaatar placo ktp. aldonas sopiron kaj ĉarmon al tiu teritorio.**

**Industrioj de Ulanbatoro ĉefe estas malpeza industrio kaj manĝaĵa industrio. La minaj fontoj ĉirkaŭ ĝi ĉefe estas karbo. Tie troviĝas voj-neto kaj flug-linioj al diversaj lokoj enlandaj kaj eksterlandaj kaj trajna internacia konekto al Moskvo kaj Pekino.**

**Ĉi-ĉio sendube pruvas, ke Ulanbatoro meritas la titolon: centro de politiko, kulturo, ekonomio kaj trafiko de Mongolio.**

### Esperanto-movado

**Jam frue en 1900 rusaj esperantistoj loĝis en Ulanbatoro, sed tiea Esperanto-movado komenciĝis post 1924 pro reveno de N. Ĥajanĥirvaa, kiu estis la plej frua semanto de Esperanto. Lia lernanto Junŝobu RINĈEN (1905-1977) gvidis la unuan Esperanto-kurson en 1933 en Ulanbatoro, kaj eldonis la unuan aŭtodidaktan lernolibron de Esperanto (por mongoloj) en la 1950-aj jaroj. B. DAGVA, kiu lernis Esperanton en Pollando, kompilis kaj eldonis koncizan dudirektan vortaron Mongolan-Esperantan kaj Esperanto-Mongolan. En jaro 1970 estis fondita Mongola Esperanto-Unuiĝo (MEU) ĉe la Asocio de Mongolaj verkistoj. Sinjoro B. DORĜ (gvidis Mongolan Esperanto-Asocion dum jaroj 1992-2000) tradukis la plenan libron "La nomo de sinjoro Arne" de Sveda Nobelpremiita verkisto**

Selma LAGERLOF.

La nuna Mongola Esperanto-Societo (MES) estas daŭrigo de MEU. Kvankam ĝi estis registrita nur la 1-an de decembro de 2006, tamen tuj post du jaro, nome en la 5-a AK okazinta en 2008, decidis gastigi la 6-an AK okazontan en 2010, post tri jaroj, nome en 2009, estis akceptita kiel la 70-a landa asocio aliĝinta al UEA. Nuntempe ĝi estas aktive preparanta sin por la 6-a AK. Ajna pria informo estas legebla ĉe la retejo: http://mongolio.info

### Ĝemelaj urboj

Ulanbatoro havas ĝemelan rilaton kun Gold Coast (Aŭstralio), Leeds (Britio), Hohhot, Taipei, Tianjin, Yinchuan (Ĉinio), Berlin, Bonn (Germanio), Aomori, Miyakonojō, Sapporo, Tokyo (Japanio), Seoul (Koreio), Irkutsk, Moskvo, Sankt-Peterburgo, Ulan Ude (Rusio), Bangkok (Tajlando), Ankara (Turkio), Denver, Oakland, San Francisco(Usono) kaj Hanoi (Vjetnamio). Estas troveblaj delegitoj de UEA en kelkaj ĝemelurboj. Tiea esperantisto jam havis kontakton kaj kunsidis kun samideanoj en la ĉinaj ĝemelurboj Hohhot kaj Tianjin por la 6-a AK. --- foto kaj parto de teksto venas el Vikio

## Inter ĝemelaj urboj

### Agadoj inter esperantistoj de ĝemelaj urboj riĉigis Terglobanan festivalon




La 25-an de julio Terglobana festivalo 2009 okazis en la urbo Okayama en Japanio. Ĝin partoprenis Okayama Esperanto-Societo (OES) kaj aliaj internaciaj agadgrupoj. OES per ekspozicitabulo prezentis agadojn inter esperantistoj de Okayama kaj siaj ĝemelaj urboj. Letero el s-ino Eva BOYADZHIEVA, prezidantino de Esperanto-Societo “Kulturo” en sia Bulgaria ĝemelurbo Plovdiv, probable estas la plej bona pruvo kaj priskribo al tiuj agadoj. --- HARADA Hideki

### Gratulletero de Eva Boyadzhieva al la Terglobana Festivalo

Kara Doktoro Harada,

Karaj samideanoj de la Okayama Esperanto-Societo,

Ni ĝojas, ke nia ĝemela urbo Okayama estis elektita organizi la ĉi-jaran Terglobanan Festivalon, inviti kaj bonvenigi ĝiajn partoprenantojn.




Ni delonge havas kontaktojn kun la esperantistoj de Okayama kaj ĉiuj niaj renkontiĝoj estas grandaj festoj por ni.

D-ro Hideki Harada kun sia edzino partoprenis la Internacian Medicinistan Esperanto-Konferencon en Plovdiv en la jaro 2005, vizitis la Urbestron de Plovdiv kaj transdonis al li leteron de la Urbestro de Okayama. Dum la renkontiĝo oni tradukis el Esperanto en la bulgaran lingvon. Oni ekskursis kaj promenis en la antikva parto de

Plovdiv. Ni fotis nin antaŭ la monumento de Momotaro en la urba ĝardeno, kiu estis konstruita en jubilea jaro de nia ĝemeliĝo.

En oktobro 2006 sinjoro Nikolaj Boyadzhiev, juna instruisto de historio kaj franca lingvo, plovdiva esperantisto, partoprenis la Nacian Kongreson de la japanaj esperantistoj kaj prelegis pri Bulgario antaŭ la partoprenantoj kaj antaŭ lernejanoj. Danke al la esperantistoj li povis viziti kelkajn aliajn urbojn krom Okayama – Hiroŝima, insulon Miyagi, Kioto, Nara k.a. kaj konatiĝi kun la japana historio, kulturo, tradicioj, civilizo.

Danke al la kontaktoj inter la esperantistoj de Plovdiv kaj Okayama, la nova Urbestro de Plovdiv estis bonvenigita en bulgara lingvo dum sia vizito en Okayama.

Ni kredas, ke niaj geamikoj el Okayama kontribuos por la bona organizado de la Festivalo.

Sendube estas granda la rolo de la Tutmondaj Festivaloj por la kontaktoj kaj konatiĝo de tute malsamaj homoj laŭ kulturo kaj tradicioj. Esperanto povas multege helpi. Tiu facila ilo por kontaktoj povas esti ponto por la diverskultura homaro, ponto al pli paca mondo.

Tiusence ni sendas ankaŭ la verkaĵon ”Alvoko” de Eva Boyadzhieva, kiu estas verkita originale en Esperanto.

Sukcesan Festivalon de la Terglobo 2009!

## Esperantistoj de ĝemelaj urboj kunsidis pri la venonta AK

Inter la 7-a kaj 8-a de septembro 2009 okazis kunsido inciatita de Interna Mongolia Esperanto-Asocio (IMEA) kaj Ĉina Fervojista Esperanto-Asocio (ĈFEA) en la urbo Huhhot, Ĉinio. Ĝin ĉeestis esperantistoj el la ĝemelaj urboj Hohhot kaj Tianjin en Ĉinio, kaj Ulanbatoro en Mongolio.

S-ro LI Sen unue faris bovenajn salutvortojn en la nomo de la du asocioj. S-ro Alyeksandr BATBAYAR el Mongola Esperanto-Societo priparolis vizon de Mongolio por la 6-a Azia Kongreso de Esperanto (AK). Li diris, ke Prof. SHIQINBATER el Interna Mongolia Normala Univeristato helpos la ĉinajn aliĝintojn trakti la vizon. S-ro HAN Zuwu, prezidanto de Tianjin Esperanto-Asocio kaj vic-prezidanto de ĈFEA, koncize prezentis evoluon de ĈFEA kaj la Esperanto-movadon en Tianjin. S-ro AGOU Takaŝi, la Administranta Direktoro de Esperanto-Populariga Asocio de Japanio, espris, ke plimultaj ĉinaj esperantistoj povu partopreni en la Ulanbatora AK okazonta en 2010 menciinte sian specialan viziton al Pekino en la pasinta majo por akiri subtenon de Ĉina Esperanto-Ligo al la kongreso. S-ro XIAO Ke, nova prezidanto de IMEA, prezidis la kunsidon. --- el n-ro 3 la Bulteno de Tiajin-a Esperanto-Asocio 2009, fotoj prezentitaj de Han Zuwu





## Renkontiĝo inter esperantistoj de ĝemelaj urboj



**D-ro Harada Hideki, prezidanto de Okayama Esperanto-Societo, kaj sia edzino aliĝis al japana vojaĝ-grupo al Ĉinio. Li tre volis renkontiĝon kun esperantistoj en sia ĝemelurbo Luoyang. Sub helpo kaj aranĝo de la projekto li realigis tiun volon.**

**La 20-an de septembro Prof. CAO Ruiming, prezidanto de la Esperanto-Asocio de Luoyang Scienca kaj Teknika Instituto, varme akceptis la geedzojn de Harada. Ili respektive prezentis la Esperanto-movadon de la du urboj kaj reciproke donacis Esperanto-librojn. --- laŭ raporto de Cao Riming**

## Internacia Festivalo de Esperanto brilis pro agadoj de ĝemelaj urboj

**Zaozhuang estas bela, riĉa kaj heroa urbo situanta en la suda parto de la provinco Shandong. Ankaŭ ĝi estas unu el la plej viglaj lokoj de la Esperanto-movado en Ĉinio. La Granda Kanalo de Beijng al Hangzhou trafluas la urbon. De la 25-a ĝis la 27-a de septembro, 2009, tie okazis la Tria Internacia Festivalo de Esperanto kun pli ol 80 partoprenintoj kaj riĉaj programoj: prelegoj faritaj de Prof. LIU Xiaojun kaj s-ro Sun Mingxiao pri Konfuceo kaj ĉinaj proverboj, internacia foto-konkurso de esperantistoj, ekspozicio de la fama fotisto Hao Tao, japana teo-prezentado ktp.**








**Inter honoraj gastoj oni vidis kvar esperantistojn el la franca bretonia regiono, kiu havas oficialan ĝemelan rilaton kun Shandong, kies Bretonia Esperanto-Federacio (BEF) pasintjare ĝemeliĝis kun Shandong Esperanto-Asocio (SEA), krom gvidantoj de la Zaozhuang-a Universitato kaj Zaozhuang-a Profesia Universitato.**

**Ĉe inaŭguro oni aŭskultis la salutvorton de s-ro FUKUMOTO Hirotugu el la japanaj ĝemelaj gubernio Wakayama kaj Wakayama Esperanto-Asocio de la provinco kaj SEA krom tiujn salutmesaĝojn de D-ro Probal DASGUPTA, prezidanto de UEA, kaj Chen Wei, urbestro de Zaozhuang. S-ino Josette DOKLOYER, vic-prezidantino de BEF, laŭtlegis gratulleteron de prezidanto de BEF. S-ino HIDEKO Hujimoto el Japanio, kiu gvidis la teo-prezentadon dum la festivalo, salutis la ĉeestantojn en la nomo de kvin japanaj partoprenantoj. Dum la festivalo la partoprenantoj ne forgesis omaĝon al Kreinto de Esperanto kaj prezentis bukedojn al statuo de Zamenhof sur la Kultura Placo en la urbo. Ĉina Radio Internacia kaj Zaozhuang Radio elsendis la festivalon. --- fotoj prezentitaj de Sun Mingxiao**

## Salutvorto de la prezidanto de Verda Monteto



**Al la samideanoj de Shandong-a Esperanto-Asocio kaj Zaozhuang-a Esperanto-Asocio**

**Okaze de la 3-a Zaozhuang-a Internacia Festivalo de Esperanto, reprezentante vian ĝemelan asocion en Japanio, Wakayama Esperanto-Asocio "Verda Monteto", mi elkore salutas vin ĉiujn kaj deziras al la partoprenantoj, ke la festivalo estu sukcesoplena en interpopola bona etoso per la pacama lingvo Esperanto.**

**Mi tre bedaŭras, ke neniu partoprenas en ĝi el mia urbo, malgraŭ tio, ke partoprenas samideanoj el via ĝemela urbo en Francio. Sed kelkaj samideanoj ĉeestantaj el Japanio ludos la rolon anstataŭ ni.**

**Via provinco Shandong havas ĝemelan rilaton kun la urboj en Japanio kaj ankaŭ en Francio. Ili havas respektive gravajn mondajn heredaĵojn rilate al religio: "La sanktejo en la montaro Kii kaj ties pilgrimvojoj", "La vojoj al Santiago (Santiago de Compostela)" kaj "Qufu (Centro de Konfucio) kaj la monto Tai".Ili estas budaismo, kristanismo kaj konfucianismo. Nun ni bezonas dialogon trans civilizacioj por paca kunestado, kiu certe disvolvigos riĉe feliĉan vivon nian. En tiu senco, via loko okaziganta la 3-an Internacian Festivalon estas tre adekvata kaj donas al ni la signifon en renkontoj kaj interkomunikado per Esperanto en la regiono de Konfucio.**

**Mi deziras, por ke la festivalo daŭros por ĉiam, ligos homon kun homo inter diversaj landoj kaj fariĝos la centro interkultura, interreligia kaj turisma per Esperanto.--- Fukumoto Hirotugu**

## Serva Platformo

**Mariana GENCHEVA estas instruistino kaj mi loĝas en Polski Trambesh, urbeto en regiono Veliko Tarnovo de Bulgario en Bulgario, kun 5500 loĝantoj. Ekde kelkaj jaroj ŝi laboras en lernejaj projektoj pere de Esperanto.Nun ŝi volas iomete shanĝi sian estontan laboron kaj pliriĉigi ĝin, esperas trovi urbojn, kiuj pretas ĝemeliĝi kun mia urbo per Esperanto. Interesiĝantoj kontaktu ŝin per la adreso: Targovska 95, 5180 Polski Trambesh, Bulgario kaj retadreso: maries972@yahoo.com**

# Funkciuloj de la projekto

S-ro Probal DASGUPTA , prezidanto de UEA
S-ro HORI Jasuo, estrarano de UEA pri landa kaj regiona agado
S-ro Osmo BULLER, ĝenerala direktoro de UEA
S-ro WU Guojiang, komisiito de la projekto

## Redakcio de Informilo de Ĝemelaj Urboj

Redaktoro: s-ro Wu Guojiang, Fushun Shiyouyichang Yanjiusuo, CN-113008, Fushun Liaoning Ĉinio; Telefono kaj Fakso:+86-413-2650322; Retadresoj: ghemelurboj@yahoo.com.cn amikeco999@21cn.com
Provlego: s-ro Robert BOGENSCHNEIDER, retadreso: robog@gmx.de